Jaro XII. Aprilo 1929 Nr. 2

Oficiala Organo de la Internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E)

# VEGETARANO

Oficiala Organo de la INTERNACIA VEGETARA UNIO (I. V. U.)

**Adreso:** Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, II, Germanujo.

Landaj sekretarioj kaj abonprezo en nacia mono:

**Argentino** (Pes. pap. 2.—): S-ro Graciano Garcia, Rioja 814, Buenos Aires.

**Belgujo** (B 4.—): S-no Yvonne Colijn, Ruststraat 52, Rue du Repos, Ukkel-Uccle apud Bruselo, poŝtkonto 119 935.

**Bulgarujo** (Levoj 50.—): S-ro Petr Mitkov, Bulevard Evlogi Georgiev 49, Sofio.

**Ĉeĥoslovakujo** (kĉ. 25.—): S-ro Emil Mai, Mühlfeldgasse 11, Gablonz a. N.

**Danujo** (dkr. 3.—): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II., Kopenhago-K.

**Estonujo** (Ekr. 3.—) F-no Helmi Dresen, postkast 6, Revalo (Tallinn).

**Francujo** (ffr. 20.—): F-no Cécile Royer, 14 Rue des Carmes, Parizo V, poŝtkonto Parizo 25 777.

**Germanujo** (Rm. 3.—): La redaktanto, poŝtkonto Hamburgo [illegible]

**Grandbritujo** (ŝ. 3/—): S-no Margaret Blaise, „Bonveno", Manor Way, Headstone Lane, Harrow apud Londono.

**Hungarujo** (P. 4.—): S-ro Bihari Mór, ĉe Szerderit, Telep-u. 14, Budapeŝto VII.

**Latvujo** (Latoj 4.—): S-ro Edgaro Grots, Elizabetes ielâ 9, dz. 33, Rigo.

**Litovujo** (Lid. 8.—): S-ro Vladas Butkus, Prezidento gatvė 2, II-ji gimnazija, Kaŭno.

**Nederlando** (fl. 2.—): S-no Catharina J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat 96, Hago.

**Polujo** (zl. 8.—): S-ro Chajm Kusnir, Ul. Orwida 5, Wolomin powiat Radzyminski.

**Sovjetunio** (R. 1.50): Moskovskoje Vegetarianskoje Obŝĉestvo, Ulica Ogarjeva 12, Moskvo (poŝtkesto 327, Moskvo 9).

**Svedujo** (skr. 3.—): S-ro Erik Brenander, Fyrunga.

**Svisujo** (sfr. 3.—): S-ro Paul Enz, Nuxowerk, Rapperswil, (St. Gallen).

**Usono** (dol. 1.—): S-ro Karl Fröding, 604, Seventh Street, Rockford, Illinois.

El la landoj necititaj oni sendu rekte al la redaktanto la egalvaloron de 4 svisaj frankoj. La kuponoj de UEA estas akceptataj sed estu uzataj prefere ol nacia mono. Ne pagu per poŝtmandatoj; ĉar ili kaŭzas kurzan perdon. Anoncoj pri vegetaraj aferoj ...angeĵoj kostas la egalvaloron de dek svisaj frankoj.

La VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E.) estis fondata en la jaro 1908-a, dum la Dresdena Universala Kongreso de Esperanto. Ĝia organo, la „Vegetarano" estis fondata en la jaro 1914-a. La kotizo por VLE kaj la abonpago por la „Vegetarano" estas identaj.

La celo de VLE estas, disvastigi Esperanton inter la Vegetaranoj kaj Vegetarismon inter la Esperantistoj. Krome, danke al nia internacia helpa lingvo, ĝi volas helpi kaj antaŭenpuŝi la internacian vegetaran movadon kaj la solidarecon inter vegetaranoj de ĉiuj landoj pli efike, ol tion povus fari naciaj organizoj aŭ revuoj.

Fine, nia ligo volas kunigi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona kaj kiuj subtenas interne je la Esperanta movado la etikan nivelon de nia komuna volo.

La ĝenerala sekretario kaj kasisto de VLE estas nune Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, II., Germanujo. Landaj sekretarioj prizorgas informojn, enkasigas kotizojn, propagandas kaj tradukas, se oportune, artikolojn el nia organo por naciaj parencelaj eldonaĵoj.

## La Internacia Vegetara Kongreso 1929.

La parto de nia bulteno, kiu estas dediĉita al la Internacia Vegetara Unio, enhavas plenajn informojn pri la kongreso aranĝita de tiu internacia organizo, al kiu apartenas kiel membro ankaŭ nia internacia **Vegetara Ligo Esperantista.**

Estas tre dezirinde, ke kelkaj el niaj anoj, krom la du delegitoj, kiuj reprezentas nian ligon en la kongreso, vizitu tiun gravan kongreson. Ili certe ne bedaŭros la tempon kaj monon, kiun ili dediĉos al tiu grava manifestado de nia movado. Krome ili tie havos okazon, por propagandi Esperanton inter vegetaranoj, t. e. inter personoj, kiuj timas nek ĝenon nek mokon, por agi konsekvence laŭ la ideoj, kiujn ili konsideras ĝustaj.

La paroladoj dum la kongreso estos interesaj. Oni aranĝos unu specialan Esperantan vesperon, kaj la ĉefa pioniro en la vivreforma movado, Prof. D-ro Sommer-Batjek, faros paroladon en Esperanto pri „Vegetarismo kaj la ĉiutaga vivo".

Ĉeestinda estos ankaŭ la aranĝo de la tago antaŭ la kongreso, la dimanĉo, 7-a de junio, sur la Monto Lausche. Tie okazas ĉiujare manifestado de la vegetaranoj, kaj en tiu ĉi jaro per la helpo de la kongresanoj, speciale la esperantistoj inter ili, tiu manifestado povos fariĝi frateca internacia solenaĵo.

Pri la kongreso mem sendu viajn demandojn al ĝia sekretario, s-ro Hans Feix, Warnsdorf en Norda Bohemujo, VI-1810, Ĉeĥoslovakujo.

Tiuj el niaj anoj, kiuj iros al la kongreso kiel reprezentantoj de siaj naciaj vegetaraj societoj, kunhelpu, por ke nia solvo estu fine de ĉiuj akceptata por forigi la lingvan ĥaoson.

**El memoroj de Tatjana, filino de Tolstoj.**

Jam en la jaro 1856-a Tolstoj skribis en sian taglibron: „La rimedoj por la akiro de la vera vivfeliĉo estas, sen specialaj reguloj, samkiel araneo ŝpini el si mem en ĉiuj direktoj amo-reton kaj kapti en ĝin ĉion, kio eniras, maljunulon, infanon, junulinon aŭ politikan agenton".

Ĉi tiu pensbildo fariĝis des pli klara, ju pli mia patro maljuniĝis. Li baldaŭ komprenis, ke oni ne povas esti feliĉa sola kaj ke materia posedo ne povas helpi la unuiĝon de unu homo kun la aliaj. Kaj pli poste li konsciiĝis en sia spirito pri la granda ideo de unueco de ĉiuj vivantaj estaĵoj. Tiam mia patro deklaris: „Oni povas perdi la senton de la kompato al bestoj, kiu estas natura sento de ĉiuj homoj. Ĉi tio precipe evidentiĝas dum la ĉaso." Kaj, kiam li maljuniĝis, li povis instrui: „La sole vera Diservo estas la amo por ĉio vivanta". Kaj plue: „Ni sentas per nia tuta animo, ke tio, kio donas al ni la vivon, kion ni nomas nia memo, estas la sama ne nur en ĉiu homo, sed ankaŭ en hundo, en ĉevalo, en muso, en kokino, en muŝo, ja eĉ en planto (kreskaĵo)".

Ne estis intencita fincelo, kio kondukis lin al vegetarismo, sed senpera elfluo el lia sento de bestkompatemo. Krom tio li instruis, ke tia vivkonduto kuniras neeviteble kun sento de kontentiĝo. „La feliĉo", li diris, „sekvas al bona vivo, samkiel ĝia ombro" kaj homo, kiu estas malmilda kaj envia, ne kapablas esti feliĉa.

Kelkfoje homoj provis pravigi siajn kruelajn agojn per la demando: kiel estus eble vivi sen mortigo al muŝoj kaj aliaj insektoj? Per tio ili intencis kontraŭrespondi al li, ke ni ja senvole, dum ĉiu ekmovo, kiun ni faras, povas kaŭzi morton de nevideblaj bestetoj. Je tio mia patro respondis: „Tiuj, kiuj parolas tiamaniere, forgesas, ke ne estas donita al la homo la kapablo atingi ĉiuokaze la perfektecon. La devo de la homo estas la celado alproksimiĝi al la perfekteco. Ĉi tio estas valida ankaŭ por nia kunsento je bestoj. Ni ne povas vivi ne kaŭzante la morton de aliaj vivantaj estaĵoj; sed nia kompato povas esti pli aŭ malpli granda. Ju pli da kunsento ni havas je la bestoj, des pli bone fartas nia animo."

Antaŭ sia vivofino li donis al sia amo al bestoj grandan kontentiĝon. „Kiom pli multe da ĝojo mi havas per la kunsento kaj kompatemo, kiun mi sentas por la bestoj, ol kiom mi havis per ilia manĝiĝo", li iam diris al mi. Kaj tiel estas. Ju pli ni plivastigas la rondon de nia amo al ĉiuj estaĵoj, des pli ni sentas en nia interno la kreskadon de nia vera memo, kaj des pli feliĉaj ni estos.

Laŭ la holanda teksto de la Vegetara Oficejo en Soest esperantigis Kurt H. Schmidt.

---

**Pri percepto de vegetarismo.**

La homaro travivas krizan momenton. Se mi komprenas la esencon de ĉi tiu krizo, mi ekvidas, ke vegetarismo havas gravan signifon por la renoviĝo de homa vivo, por kuracado de homara krizo, kvankam en la nuna malmoligita epoko ĝi ne havas gravan sukceson. Tio ĉi klariĝas tre simple.

Dum antikvaj tempoj, kiam la homoj estis senkonsciaj, ili povis kunigi piecon kun krueleco, bonanimon kun malico kaj homecon kun bestbuĉado; sed, ju plie konsciiĝas la homoj, des malplie ekzistas ebleco de tieaj kontrastaj kunigoj. Homoj fariĝos aŭ plene noblaj, aŭ ili restos plene malnoblaj. La moralo kunplektita el kontraŭaĵoj por ili fariĝas neebla. Bestbuĉado ne kuniĝos kun homeco. Homo devas esti homo ne nur por homoj, sed ankaŭ por bestoj. Homa krueleco estas krueleco, senkonsidere, al kiu ajn ĝi turniĝas. Bestoj ne donas al la homo rajton, por esti bestego rilate al ili, kaj neniaj pravigoj pravigas lian bestegan agadon rilate al ili. Do, por homigi la homon, oni devas konsciigi al li lian devon rilate al bestoj. Estas neeble, pluc evoluigi nian vivon kaj nian kulturon, se ni neas unu el niaj devoj, kiu klare estas starigita antaŭ ni de nuntempa konscio kaj kleriĝo. Alimaniere ni reiros vojon de regreso aŭ iros tute senvoje.

La nuna kriza momento efektive signifas tian senvojecon. La homaro suferas pro tio, ke la homoj ne perceptas siajn devojn, interalie la devon kontraŭ la bestoj. La vera renoviĝo kaj la vera kuraciĝo nepre kuniĝas kun la percepto de tiuj devoj, kaj ni vidas, ke multaj spiritaj kaj religiaj movadoj, kiuj vere celadas al renoviĝo de la vivo, perceptas la vegetarismon. Tio ĉi estas fakto, kiu atestas ne pri okaza, sed pri neevitebla percepto de la vegetarismo.

Piotr Siewruk, Skidel, powiat Grodno, Polujo.

---

**La fonto de ĉiu sufero.**

Se mi meditas mian hodiaŭan tempon, tiam mi devas miregi pri la sukcesoj, kiuj estas atingitaj sur la kampo de la sciencoj kaj artoj kaj prefere teknikoj. Se ni rigardas nur nian loĝejmeblaron, tiam ni devas konfesi, ke antaŭ proksimume cent jaroj eĉ reĝoj kaj imperiestroj ne ĉion posedis, kion ni havas hodiaŭ, eĉ kio por ni estas simple kutima. Ni nur elprenu: elektran lumon, kuirgason, elektran sonorileton, fine radion.

Kaj tamen, ĉie tiom da vekrioj, tiom da suferoj. Do, ni devas diri al ni mem: ĉi tie io certe ne estas en ordo; ĉi tie ni ion tute ignoris.

Kaj, kion ni ignoris, tio estas la fonto de ĉiu sufero. Ĝi fluetis senĉese, kaj ĝiaj akvetoj jam faris ĝis hodiaŭ grandegan riveregon, kiu jam enfluas la tutan terglobon.

Nun oni jam klopodas, por serĉi la fonton kaj ŝtopi ĝin. Estas eble, ke jam multaj troviĝas sur la vojo al ĝi; tamen longega tempo ankoraŭ pasos, ĝis kiam ĝi ĉesos flui. Ĉar ĉiuj homoj devas scii pri ĝi kaj konstrui digojn kontraŭ la fluado.

Kio do estas la fonto de ĉiu sufero? Mi diru tion mallonge kaj malkaŝe: la fonto de ĉiu sufero estas nia malperfekteco rilate je la naturleĝo. Iuj kredas, ke per bona moralo oni povas kuraci la malbonon. Sed eĉ la plej pia persono povas suferi ŝiprompiĝon, se ĝi ne vidas la interrilatojn inter moralo kaj biologio.

Se oni, ekzemple, tute ne vidas la kaŭzojn de pligrandigita aŭ malpligrandigita sangopremo, oni ne kontraŭstaros, kiam iutage la pasioj eksplodas kaj la kunhomoj per fingroj montras al tiu, kiu volas ŝajni pia, sed en realeco tute ne estas.

Antaŭ nelonge sinjoro parolis pri seksa eduko. Li akcentis tute ĝuste, ke nuntempe ĉiu sesa homo (do dek homoj el sesdek) estas seksmalsana. Sed tiu sinjoro vidis la unuanuran savon en pli bona seksa eduko aŭ klerigo. Imagu nun infanon, kiu estas plene informita pri la seksaj rilatoj kaj rigardas ilin kiel ion sanktan; kion tio utilas al ĝi, se ĝia korpo estas facile atakebla de infektiĝoj aŭ se ĝia bona volo kliniĝas al neatenditaj kontraŭnaturaĵoj?

En Merseburgo antaŭ nelonge okazis tio jena: La filo de respektindaj gepatroj ludis kun siaj kamaradoj prok-

★

*Ejo*
*de la 7-a*
*Internacia Vegetara*
*Kongreso en Steinschönau*
*Bohemujo*

★



[...]me de dancsalono, kiu samtempe estis balaata. El la balaaĵoj li kolektis cigaredstumpon kaj metis ĝin al sia buŝo. Post iom da tempo li ekhavis malsekan harplektaĵon, abomenajn ulcerojn apud la buŝo kaj senhariĝon. La medicinistoj en la kliniko de Halle konstatis sifilisan infektiĝon. Certe ĉiu scias, ke sifiliso kaŭzas malbeliĝon de la tuta vizaĝo kaj fine eĉ detruon de la nazo. Kiu donas taŭgan nutraĵgrundon al tiu abomena malsano, tiu malfacile povos liberiĝi el ĝi, ĉu li estas kulpa aŭ ne.

Walther Etzold, Lipsio C. 1, Hamburger Str. 26, III.

---

**Moderna Kulturo!**

Sub tiu ĉi titolo ni trovas en la Esperanta eldono de la socialista revuo „ISK" (adreso Servette 79, Ĝenevo, Svisujo) jenan artikolon tradukitan el la germana revuo „La Nova Eduko", laŭ parolado de Theodor Lessing ĉe la Brusela Kongreso kontraŭ kolonia subpremo kaj imperialismo, de la jaro 1927-a:

Dum la jaro 1926-a ni, eŭropanoj kaj amerikanoj, mortbatis kvardekmil marelefantojn, ĉe la suda poluso. En Aŭstralio kaj Ameriko ni mortigis dum la lastaj jaroj cent milionojn da kantbirdoj kaj plie ducent milionojn da marbirdoj, por ke niaj virinoj havu plumojn sur siaj ĉapeloj.

Sur la marbordo de Patagonio ni batmortigis, pasintan jaron, dek milionojn da fokoj. Batmortigis? Ne, tio ne estas oportuna; oni fortiras la haŭton de la vivanta korpo. Ili, tiam, mortas per si mem, post plurtaga suferego!

La societo por ekonomia fiŝkaptado en Kopenhago, nur unu sola fiŝkaptosocieto, kaptis dum lasta jaro ducentmil balenojn. Ili estis tuj mortigataj kaj dispecigataj. 400% neta profito!

Dum la lasta jaro sur insulo Layson, apud Havajo, ni kaptis en fosojn dek-unu milionojn da albatrosoj, fortiris la felojn kaj lasis la birdojn morti pro malsato!

Ĉu vi ludas bilardon? Ĉu vi havas kombileton? Por havigi al ni tiajn objektojn, ni bezonas, en Eŭropo kaj Ameriko, ĉiujare okcentmil kilogramojn da eburo. Tio necesigas la morton de kvindekmil hindaj elefantoj, la plej fortaj kreitaĵoj de la terglobo.

Amerika akci-societo fondis en 1914, sur la Kerguelaj insuloj, eksplutatejon por ĉasi marelefantojn. Ĝi akiris tiom da oleo, ke estis eble, provizi per graso ĉiujn merkatojn de la terglobo. Venis milito. Kun milito malsatego. Kion faris la bonaj komercistoj? Por multe profiti, oni verŝis en la maron naŭ dekonojn de la provizo; la reston oni vendis, danke al milito, je 1000%-a profito. Tio estas kristana kulturo.

---

Aldono de la redaktanto: Kaj ĉie oni vendas multkostajn krucifiksojn el eburo: la simbolo de amo kaj kompato farita el materialo, kies havigo postulas kruelegecon kontraŭ la plej inteligenta besto!

---

**Krizoj kaj Progreso.**

Oni rimarkos, ke ĉie en la mondo nuntempe kelkaj individuoj pensas, verkas kaj parolas pri paco. Oni ankaŭ rimarkos, ke pli ol iam la kolektiva konscienco turnas sin al tiu idealo. Ligoj, kontraktoj, promesoj de registaroj, asertoj de gravaj pastroj kaj politikistoj, kunsidoj kaj konferencoj de komercistoj, industriistoj, edukistoj kaj laboristoj; ĉiuj sin okupas pri la problemo de paco. Se en la frua estonteco ili ne sukcesos, tio ja ne estos ilia kulpo, sed la kulpo de ni ĉiuj; ĉar ni ne sufiĉe serioze respondigas ilin je ilia vorto kaj kuraĝigas ilin per nia subteno. En la familio, en la lernejo, en la preĝejo, en la oficejo, en la fabrikejo, en niaj leteroj, en nia pensoj, en niaj paroloj, en niaj preĝoj, ni ĉiutage, ĉiu individue, devus nin dediĉi al la progresigo de la starigo de paco. Eble neniam antaŭe tiom preta estis la mondo, por akcepti ĝin.

Lastatempe, en Esperanta laborista klubo, mi aŭskultis junan oratoron, kiu laŭtkriis, ke paroli pri „interna ideo" en Esperanto estas nur idiotaĵo. Mi malgaje aŭskultis alian kiu sciigis al mi private, ke, kvankam li amas la lingvon, li ne povas kredi al la idealismo de la movado, ĉar li vidis jam tro da intrigoj kaj ĵaluzaĵoj. Ho ve, kiel facile la junaj lertuloj adoptas tiun falsan sindetenon cinikan hodiaŭ! Kiel facilanime ili ignoras la faktojn aŭ neatentas la venkojn de idealismo en la historio. Ne nur en la biblio ni povas legi pri venko de vero kaj bono, sed tra la tuta historio de la mondo. La civilizacio estas plena je tre frapaj faktoj, se nur oni ilin serĉas.

Ankaŭ, se ni nur iomete rerigardas la historion de Esperanto, ni vidos la efikon de la Zamenhofa idealo sur niajn grandajn krizojn. Oni memoros, ke en la jaro 1907-a okazis gravega disfalo de niaj varbitoj. Tio estis la Lingva Krizo kaŭzita de la publikigo de parenca lingvo,

Ido. Kelkaj tiun novan lingvon akceptis; multaj ĝin rifuzis, kaj eĉ pli multaj, dubante pri la sukceso de ia internacia lingvo, rifuzis iel la demandon atenti. Sed la malgranda grupo de optimistoj unuiĝis lojale, rededIĉis sin fervore kaj laboris senĉese. La idealo de Doktoro Zamenhof, kiu estis ja la animo de la korpo Esperanto, fine venkis. Kaj nun, post dudek jaroj, ni trovas, ke efektive estas la nova lingvo, Ido, kiu mortis, ne la nia.

Poste, en la 1909-a jaro, okazis la d u a akra batalado inter la Esperantistoj: pri la „Rajtigitaj Delegitoj". Tio estis Organiza Krizo. Pasie oni diskutadis kaj eĉ forte malpaciĝis. Tiam denove la pesimistoj profetis detruon de Esperanto. Sed la optimistoj pace, persiste kaj tute saĝe sukcesis aranĝi finfine dum la sekvintaj jaroj, se ne perfektan, tamen mirindan organizaĵon internacian, sen diplomatoj, sen aŭtokratoj, kaj preskaŭ senmone, nur pro idealoj.

Poste, en la jaro 1920-a, dum la Haga Kongreso, troviĝis bonega kuraciĝo de nia t r i a grava krizo, kiam post la granda milito unue renkontiĝis la eksmilitintoj de multaj nacioj. Tio estis la Krizo de la Naciaj Malamoj. Triafoje la pesimistoj sin detenis de la partopreno kaj profetis la malvenkon de Esperanto. Sed la optimistoj, la lojalaj disĉiploj de nia lingva majstro, kredante tute alie, iris al la kongreso, manpremis kortuŝe unu la alian, aŭskultis senkolere la rakontojn pri ofendaj suferoj kaŭzitaj de unu nacio al alia, kompatis ĉiuflanke la kompatindajn viktimojn, kaj, sentante tuttempe la ĉeeston de la Zamenhofa spirito, dankis Dion, ke unufoje pli la idealo triumfis.

Kaj la fina krizo, en la jaro 1928-a, okazis en Antverpeno. Tio estis la Krizo de Konfliktantaj Personaj Opinioj kaj ankaŭ de Homaj Mankoj. Kaj, kvarafoje, tiukaŭze la pesimistoj anoncis, ke fine la Esperanta movado dispartiĝos, la idealo fanfaronita pruviĝos falsaĵo. Sed. tamen, la optimistoj bone praviĝis, kiam en tiu neforgesebla dimanĉa vespero la tuta afero solviĝis per paca diskutado.

Restas, certe, en la Esperanta movado, ĉe la militintaj nacioj kaj ankaŭ en la mondprogreso ĝenerala, multo por fari ankoraŭ. Rekuraciĝo de vundoj, reorganizado, rekonstruado, renovigita kredo kaj fido; ĉio ĉi estas necesega. Sed kun ili ĉiam venkos la idealo, ĉiam fine venos la paco.

Ekzistas ja danĝero, ke la novaj Esperantistoj ne konscios pri la interna ideo de Zamenhof, kaj pro tio ni, pioniroj de la lingvo, devos ofte pri ĝi insisti. Pripensante, do, la historion de Esperanto, ni ne timu la pesimistojn nek la cinikulojn, sed daŭrigu nian laboron trankvile al celoj noblaj kaj gloraj.

El la dimanĉa prediko de s-ino Margaret Blaise,
Londono, la 20-an de januaro 1929-a.

---

### Kultur-Pilorio.

Laŭ telegramo el Novjorko de la 16-a de marto 1929-a (notu bone: 1929, ne 1529!) mi kopias:

„En la ĉeesto de ducent oficialaj atestantoj kvar malliberuloj el la centra malliberejo Wilmington (ŝtato Delaware, **Usono**) estis ŝnurligataj je fostoj, kaj ĉiu el ili ricevis kvardek vipobategojn. Du aliaj malliberuloj ricevis ĉiu dudek vipobategojn. Post tio la kuracistoj de la malliberejo komencis zorge bandaĝi la vundojn de la vipitoj."

Pensu, legante tion ĉi, ne nur pri la vipitoj, sed ankaŭ pri la personoj, kiuj plenumas la punadon, de la plej alta juĝisto ĝis la plej malalta salajrato, kiu pro la pago prenas la taskon de la vipado sur sin. Kaj pensu ankaŭ pri la ducent atestantoj, sendube normalaj, honestaj homoj, kies socia pozicio permesis al ili, esti rigardantoj anstataŭ viktimoj de la abomena paragrafo. Aliaj landoj, kies nombro da krimuloj ne estas pli alta, montris, ke por protekto de la loĝantaro tiaj barbaraĵoj ne estas necesaj.

Pri la krimoj de medicinistoj en malsanulejoj de **Aŭstrujo** kaj **Germanujo** jam raportis sur paĝo 24 nia bulteno de julio 1928-a. En **Sovjetunio** Profesoro S. Bruĥonenko „sukcesis" detranĉi kapojn de vivantaj hundoj, ligi la organojn de la detranĉita kapo al maŝino, kiu pumpis aeron kaj sangon, kaj atingi, ke la kapo sola vivis ankoraŭ dum du ĝis tri horoj, montrante per grincado de dentoj, per okulreagado, per lekado ktp. siajn funkciojn. Detalojn pri la eksperimentoj oni trovas en „Heroldo de Esperanto" n-ro 506, paĝo 10, bedaŭrinde sen iu kritika noto.

Germana Medicina Revuo diris, ke ekzistas tiel la ebleco, revivigi ankaŭ homajn kapojn, kaj ke oni povus uzi por tia eksperimento la kapojn de ekzekutitoj. Nu, tio estas certe unu motivo pli, por ne forigi la mortpunon! Berlina sinjorino skribis indignite pri tio ĉi al la verkisto

**George Bernard Shaw,**

kaj kiel respondon ŝi ricevis jenan leteron de la 12. 3. 1929:

Estimata sinjorino:

Laŭ mia opinio la Bruĥonenko-eksperimento estas interesega; sed ŝajnas al mi, ke la ideo, ripeti ĝin je mortkondamnitaj krimuloj, estas tute absurda. Ne estas dezirinde, plilongigi la vivon de tiaj personoj. La eksperimento devus esti provata per eminentulo de la scienco, kies vivo estas minacata de iu nekuracebla malsano (ekzemple stomakkancero), kiu povus rabi de la homaro la trezorojn de lia cerbo. Kio estos pli facila, ol savi tian geniulon de la morto per tio, ke oni fortranĉas lian kapon? Tiam oni liberigas lian cerbon de kancero kaj daŭrigas la necesan sangocirkuladon por la detranĉitaj vejnoj, por ke la eminentulo povu daŭre fari al ni prelegojn, instrui nin, doni konsilojn al ni, ne estante ĝenata de la difektoj de sia korpo.

Mi eĉ mem sentas la tenton, fortranĉigi de mi la kapon, por ke mi povu plue dikti teatraĵojn kaj librojn sen la ĝeno de malsanoj kaj sen la neceso, vesti min, senvestigi min, manĝi, mallonge, sen la bezono fari ion ajn krom produkti majstroverkojn de arto kaj literaturo.

Kompreneble, mi atendus, ke unue unu aŭ du vivisekcistoj mem submetiĝu al la eksperimento, por konvinki min, ke ĝi estas praktikebla kaj sendanĝera; sed mi supozas, ke tio al ili ne kaŭzus malfacilaĵon.

Mi multe dankas vin pro tio, ke vi turnis mian atenton al tiu ĉi tre ĝojiga ebleco. Universitato, kies fakultatoj senescepte estus direktataj de la plej delikataj cerboj de la lando kun nenio alia ol pumpilo kiel korpa organo, do universitato, kies tuta instrua agado estus pure cerba agado, signifus grandan progreson kompare kun la nuna stato.

Estus agrable al mi, se vi publikigus laŭeble plej vaste la entuziasmon, per kiu mi salutas tiun lastan triumfon de fiziologia esploro.

Sindone, via G. Bernard Shaw.

Esperebie la ironia maniero, per kiu Shaw esprimas sian indignon, efikos pli multe por la kondamno de tiuj sencelaj vivisekcadoj, ol la artikoloj de niaj ĉiulandaj kunlaborantoj, kies organoj estas legataj ĝenerale nur de personoj jam samopiniaj kun ni.

★

*Ejo*
*de la 7-a*
*Internacia Vegetara*
*Kongreso en Steinschönau*
*Bohemujo*

★



En **Hungarujo** la nunaj regantoj reiris al mezepokaj rimedoj, por protekti, kiel oni kredigas al si mem, la socion kontraŭ krimuloj. Laŭ leĝo de la jaro 1919-a la punado per vipado estas reenkondukita, kaj ekzistas belaj aparatoj konstruitaj por tiu celo. Sed la informoj, kiujn oni ricevas pri la traktado al politikaj malliberuloj en tiu lando, montras, je kiaj abomenaĵoj estas kapablaj homoj, se la leĝo mem iniciatas barbarajojn. O. B.

---

***Esperanto-vespero en Steinschönau (Veg. Kongreso).***

La soleno komenciĝos je la 20-a horo. Jen la provizora programo:

Salutparoloj „Esperanto kaj Vegetarismo", de Bräuer.

Parolado „Vegetarismo kaj la ĉiutaga vivo", de Prof. D-ro Batjek el Prago.

Simbola danco „Pomfloro kaj Esperantostelo".

Esperantuja Kanto de samideanino Roskes-Dirksen, muziko de samideano Prof. Nolthenius, kantota de f-ino Kühnel, Warnsdorf.

Poemoj de Wilhelm Busch, f-ino Hilde Scholze el Reichenberg.

Kanto „Se la Homo" laŭ poemo de Roskes-Dirksen, muziko de Windisch-Sartowsky.

Muzikaĵo.

Kantprezentaĵo kun diversnaciaj popolkantoj.

Espereble multaj samideanoj ĉeestos tiun gravan aranĝon, por ke Esperanto ludu indan rolon dum tiu internacia kongreso. Tiamaniere la vegetaranoj estos la plej konsekvencaj adoptantoj de nia lingvo por internacia kongreso.

---

**21-a Universala Kongreso de Esperanto.**

Budapeŝto, 2-a ĝis 9-a de aŭgusto 1929.
5-a somera universitato.

La kotizo estas la egalvaloro de 28 pengoj aŭ 25 svisaj frankoj. Adreso: Budapeŝto X, Pongrác-ut. 17. XIV.71, Hungarujo. Pri la loĝigo de la kongresanoj sin okupas la Fremdultrafika Oficejo, al kiu la Loka Kongresa Komitato transdonos dezirojn.

Por la vegetaranoj nia samideano Maŭro Bihari havigos kelkajn malkarajn loĝejojn ĉe vegetaranoj. Gesinjoroj Yelland, nune ankoraŭ en Gyöngyös, ĉe Hugai Iskola, aranĝos **Vegetaran Fakan Kunsidon.**

Oni invitos ankaŭ ne-vegetaranojn, por ĉeesti la kunsidon. Unu el la temoj dum tiu kunsido estos: „Kial mi estas vegetarano", konfestemoj por ĉiuj demandoj. Ankaŭ komunan vegetaran manĝon oni intencas aranĝi.

Vegetaranoj, aliĝante al la kongreso, notu, ke ili estas vegetaranoj. La vegetara manĝejo en la strato Muzeumkörút 17, Budapeŝto IV, estas rekomendinda.

Estas dezirinde, ke spertaj vegetaranoj-esperantistoj *dum la faka kunsido de vegetaranoj raportu pri la stato de la movado, pri opinioj, deziroj ktp. el sia lando.*

---

En sama urbo Budapeŝto okazos de la 4-a ĝis la 13-a de majo internacia foiro, kiu oficiale uzas Esperanton kaj sendis al ni propagandilojn en Esperanto. Samtempe kun la foiro okazos la Hungarlanda Esperanto-Jarkunveno. *Do, esperantistoj, kiuj en majo jam pasos tra Budapeŝto,* jam trovos tie malgrandan Esperantujon.

Por informoj pri la foiro kaj por fervojrabato skribu al la komitato de la foiro: Alkotmány utca 8, Budapeŝto V, aŭ al la UEA-delegito: P. Balkányi, Budapeŝto VI, Hajós-utca 15.

---

**El multaj landoj.**

**Argentino.** Nia samideano Antono Barrot raportas: Je la fino de la pasinta jaro troviĝis en nia ĉefurbo Buenos-Aires aro da toreadoroj (bovbatalistoj), kiuj el centraj amerikaj respublikoj vojaĝadis Hispanujon. Profitante ilian ĉeeston en nia urbo, oni intencis organizi „toreadoran feston"; ĉar ĉe ni estas tute malpermesitaj bovvirbatalaj festoj. Unue la toreadoroj ricevis permeson; sed, kiam oni konstatis, ke ili intencas prezentadi simplan bovviran bataladon (kvankam sen elfluo de sango), la permeso estis nuligata. Estas malpermesataj en nia lando ankaŭ prezentado de filmoj, kiuj montras bovbatalojn. Argentinaj leĝos tute malpermesas kokbataladojn, kaj efektive tiu barbara sporto estas for el niaj enlandaj amuzoj.

**Aŭstrujo.** La adreso de la Kontraŭviviseckuloj en Vieno estas: Vieno V, Spengergasse 10. Tiu ĉi societo tre forte klopodas nun, kun la helpo de la kuracisto D-ro Hans Bischoff, enkonduki en la novan leĝon efikajn paragrafojn kontraŭ la vivisekcado.

**Bulgarujo.** La Nacia Parlamento okupas sin pri la leĝo por popolsaneco, kaj oni intencas, tre forte limigi

la alkoholkomercon. La abstinuloj laboras per alvokoj, por atingi maksimuman limigon.

**Jugoslavujo.** La Vegetara Societo de Belgrado eldonis la unuan serblingvan libron pri vegetarismo, „La fundamentoj de la vegetarismo", de Ĵivojin Kostiĉ. — La 72 militservrifuzintoj (vidu artikolon „La Sekto de Nazaranoj" en Vegetarano X-4) estas nun liberigitaj.

**Danujo.** Fine de aprilo la parlamentaj elektoj staris sub la devizo „Ĉu ni komplete malarmigu?" kiu unuigis la maldekstrajn partiojn. Ili decide venkis. Ili argumentis, ke por defendo de la lando la armeo estas tute nekapabla kaj netaŭga, kaj ĝia ekzisto estas nur kaŭzo de tute senutila sangoperdo en okazo de senespera defendo kaj de sencelaj ekonomiaj perdoj en paca tempo. Danujo per la novaj elektoj kaj ĝiaj sekvoj donas bonan ekzemplon al la cetera mondo. En pasinta decembro dek-naŭ kopenhagaj pastroj dissendis cirkuleron, en kiu ili diras, ke ĉiu milito kontrastas kontraŭ ilia religio kaj ke estus honoro por la dana popolo, se ĝi kiel unua decidus plenumi la senarmigon.

**Francujo.** En Parizo okazis dum la aprilsemajno la Sesa Internacia Kongreso de la Tabakkontraŭuloj, kun paroladoj de D-ro Demarquette, D-ro Strecker, D-ro Stanger, Richard Bretschneider kaj, en Esperanto, s-ro Mudrak el Vieno. La sekvonta kongreso okazos en Oslo (Norvegujo) en la jaro 1932; sed intertempe okaze de la malfermo de la Germana Higiena Muzeo oni havos en la jaro 1930-a kunvenon en Dresdeno.

**Nederlando.** La registaro forigis la 24. 12. 1927 la leĝon pri la d e v i g a vakcinado por unu jaro. Nun tiu forigo estas plilongigita por unu jaro. Krom en Nederlando, ankaŭ en Anglujo, Svisujo kaj Norvegujo ne ekzistas plu d e v i g a vakcinado. La nederlanda neŭrologo Prof. Schurmans en Stekhoven opinias, ke la devigo devas esti forigata por ĉiam. La popolo pruvis, ke la vakcinado ne estas ŝatata; ĉar, kiam ĉesis la devigo, la nombro de la vakcinado en Nederlando forte malgrandiĝis.

Nia samideano Prof. D-ro Hugo Nolthenius, la kasisto de la Internacia Vegetara Unio, fariĝis la 20. 12. 1928 okdekjara. Ni deziras al li ankoraŭ multajn ĝojplenajn jarojn.

La 25-an de februaro mortis, en sia 86-a jaro, Michel Valk, la posedinto de la modela vegetara hotelo „Pomona" en Hago. Lia entrepreno daŭros. La partoprenintoj de la Haga Esperantokongreso (1920) certe memoros la ageman viron, kiu per sia hotelo faris pli da utila kaj efika laboro por nia afero ol multaj parolantoj, kies diroj estas forgesataj.

En la ĝenerala ekspozicio de Amsterdam, oktobre 1929, oni montros en speciala stando belegajn vegetaĵajn peltaĵojn kaj samtempe la ilojn, per kiuj oni kaŭzas suferegojn al la bestoj pro la ĝeneralaj malbonaj kutimoj. Iniciatintoj de tiu elmontro, kiun oni jam vidis en Vlissingen (1923) kaj Arnhem, estas la Nacia Bestprotekta Societo kaj la Ligo Jack London, sekretariejo Hago, Wassenaarscheweg 48.

La atleto „El Ouafi", alĝeriano, gajnis en Amsterdamo vetkuradon de 42 km 195 m, kaj la gazetoj raportas pri lia venko: „Ĉe la alveno li estis tute freŝa, kvazaŭ li plenumis ion tute ne gravan. Li estas tridekjara kaj estas vegetarano".

**Germanujo.** La 21-an de aprilo okazis en Zittau, proksime je la bohema limo, en la hotelo „Blanka Anĝelo" amika esperantista kunveno, kiun ĉeestis sesdek personoj. Oni atentigis pri la kunveno sur Monto Lausche, pri la Vegetara Kongreso en Steinschönau kaj precipe pri la Esperantovespero de tiu kongreso. Nia sekretario Mai propagandis nian aferon. 10% de la ĉeestantoj estis vegetaranoj.

La Ligo por laŭnatura terkulturo kaj koloniado (Arbeitsgemeinschaft Natürlicher Landbau und Siedlung) malfermis en Benninghoven apud Heppenheim a. d. Bergstraße lernejon por koloniado kun kvar- ĝis oksemajnaj kursoj pri teorio kaj praktiko de ter- kaj ĝardenkulturo. La nutrado estas vegetara. Oni instruas ankaŭ vinberkulturon kaj produktadon de senalkohola vino.

Laŭ la dekretoj de la trafikministerio la manĝejoj ĉe la fervojaj stacio havas la devon: doni senalkoholajn trinkaĵojn, grenkafon, dikajn supojn (grensupojn), panon sen surmetaĵo, legomojn sen viando kaj ĉiam provizi fruktojn al la gastoj je moderaj prezoj.

Ĝojige estas, ke ankaŭ la menuoj de la manĝvagonoj ĉiam enhavas senviandajn pladojn.

**Sovjetunio.** La du gravaj vegetaraj societoj en Leningrado kaj Moskvo diferenciĝas per tio, ke la Leningrada donas al si precipe sciencan bazon kaj la Moskva precipe etikan, tolstojisman bazon. Nun la Leningrada „Science-Higiena Vegetara Societo" ŝanĝis sian nomon en „Science-Higiena Societo de Nutraĵo Planta kaj Lakta" (adreso Leningrado, Ulica Gogolja 12). En ĝia kunsido de la 5. 2. 29 oni akceptis la novan nomon kaj elektis kiel prezidanton kamaradon A. P. Mironov. La redakcia komitato konsistas el la kam. Koni, Mironov, Tarasov, D-ro Izakson kaj D-ro Bjalik. La raporto pri la lastjara agado de la societo diras, ke efektiva progreso de la vegetara movado estas rimarkebla. La nombro de la vegetaraj manĝejoj en Leningrado kreskis de tri ĝis dek-sep, el kiuj du apartenas al la citita societo. La raporto diras, ke en la tuta Sovjetunio la kreskado de vegetarismo estus pli granda, se al la vegetarismo ne aliĝus kelkaj kontraŭsovjetaj elementoj, kiel religiaj sektanoj kontraŭ la proletara diktatoreco. Oni citas tiurilate la Moskvan Vegetaran Societon kaj diras, ke tiuj elementoj paralizas la progreson de la science-sovjeta vegetarismo. „La batalo kontraŭ tiuj fremdaj kaj malutilaj al la societo elementoj estis kaj estas kondukata de la estraro kaj de la agemaj anoj de nia scienca societo."

Sendepende je politikaj demandoj, kiuj ne koncernas nin, ni Esperantistoj certe simpatias kun la akcento, kiun la Moskvanoj metas sur la etikan flankon de nia movado; sendube ankaŭ la Leningradanoj ne malatentas tiun flankon, sed ne volas ĝin akcenti pro taktikaj motivoj.

Sendube ankaŭ la rusa, sovjeta registaro volonte apogus la etikajn movadojn, se ĝi ne konsiderus ilin ankoraŭ kiel lukson, kiun popolo en mizero kaj minacata de kapitalistaj ŝtatoj ne povas permesi al si ankoraŭ. Krome ĝi eble vidas en la etikaj movadoj tro da „burĝa" sentimentalismo kaj da religia dogmemo, kiun ĝi ja volas forigi.

La sovjeta registaro faras fortan propagandon kontraŭ la alkoholo. Je la kapo de la movado staras D-ro Dojĉman, kiu diras, ke la absoluta malpermeso tuj post la milito estis malsukceso, sed ke nun la Komunuma De-

igitaj. Kvankam da ebriuloj oni vidas pli multe ol en aliaj landoj pro la emo de la rusa vilaĝano al ekscesoj post longa sindeteno, la konsumo de alkoholaĵoj laŭ D-ro D. estas en la Sovjetunio malpli alta ol en aliaj landoj. La rusa brando (vodka) rapide ebriigas, kaj malgraŭ la monopolo de la registaro la kamparanoj ankoraŭ fabrikas multe da „hejmbrando" (samogon) sekrete.

**Svedujo.** S-ro Rosenberg, nia ano, malfermos tiun ĉi someron sun-aerbanejon en Grävsnäs apud la lago Anten. Por subteni la entreprenon, oni fondos societon „Excelsiorförbundets Solluftbad" (Sun-Aerbanejo de la Excelsior-Ligo) inter anoj de la citita ligo. Oni luos konvenan terspacon kaj konstruaĵon de la malnova bienego Grävsnäs kaj aranĝos tie ĉiusomere bansezonon. La ĉirkaŭaĵo de la bieno estas tre bela, kaj inter la vidindaĵoj estas malnova kastelruino kun ĝardeno. Samideano Rosenberg eldonos varbfoliojn ankaŭ en Esperanto kaj disvastigos ilin en la najbaraj landoj. Eble s-ro Ĉe vizitos la banejon kaj gvidos kurson tie.

En la sveda parlamento urbestro Lindhagen prezentis interalie proponojn pri Esperanto, pri senarmigo kaj aliaj preparoj por certigi la pacon, pri esploro de la dietaj cirkonstancoj en la tuta lando kaj pri aranĝo, por forigi malbonojn en tiu rilato. Li invitis la registaron konsideri, kion la ŝtato povos fari, por malhelpi la malbonuzon de kafo kaj tabako. La registaro proponis forigi aŭ malaltigi kelkajn limdepagojn por fruktoj. Entute la vegetara movado, laŭ raporto de nia landa sekretario, bone progresas.

Post propagando de vegetaranoj kaj kun apogo de financministro Nils Wohlin oni atingis, ke limimpostoj sur fruktoj estas malaltigataj kaj por kelkaj fruktoj eĉ forigataj.

**Svisujo.** La konata demokrata gazeto Nova Zuriĥa Gazeto portas sub la titolo „Batalon kontraŭ la Brandopesto!" bonegan kaj certe efikan artikolon por la voĉdonado de la svisa popolo, la 12. 5. 29, pri la „Komunuma Decidrajto". Tiu ĉi esprimo signifas, ke ĉiu komunumo mem havu la rajton decidi, ĉu permesoj por malfermo de alkoholverŝejoj estu donataj. Tute prave la artikolo diras interalie:

„Oni batalas kontraŭ la Komunuma Decidrajto ankaŭ per la argumento, ke certaj personoj malgraŭ la malpermeso ĉiam trinkadas absinton kaj ke same estos pri la brando. Bedaŭrinde estas fakto, ke iuj ankoraŭ trinkas absinton; sed neniu prudenta homo dubas pri tio, ke s e n la malpermeso certe multoble granda kvanto estus trinkata. Cetere, neniu homo opinias, ke oni devas forigi la tutan punleĝon pro tio, ke malgraŭ ĝi ŝteladoj kaj aliaj krimoj ankoraŭ okazadas. Ĉiuokaze estas pli bone, se oni sekrete vendas iom da brando, ol se tute publike oni drinkas grandajn kvantojn. El du malbonoj oni certe preferas la pli malgrandan.

La aludo al Usono, kiu elspezas grandegajn sumojn por la batalo kontraŭ la alkoholkontrabando, ne valoras por ni; ĉar en Usono ĉia alkohola trinkaĵo estas malpermesita. Cetere, ankaŭ en Usono la mono tiel elspezita ne estas perdita. La plej bona pruvo estas la fakto, ke de post la alkoholmalpermeso en tiu lando la kapitaloj de la enloĝantoj rapide kreskis kaj ke la laboristoj tie pli bone vivas per siaj enspezoj ol ĉe ni. Ĉu eble estus pli bone, se la svisa popolo daŭrigu ĵetante milionojn post milionoj en la maron de la drinkulsavado, mizerulhelpado, frenezul- kaj krimulprizorgado?"

**Grand-Britujo.** Komitato estas fondita, por starigi malsanulejon kaj klinikon sur la bazo de naturkuracado. Viandmanĝaĵoj kaj ĉiaj traktaĵoj, kiaj dependas de vivisekcado, estos absolute forigitaj. La honora sekretario estas Fraŭlino N. Hosali, ĉe The Service Bureau, 7 Hobart Place, Londono S. W. 1.

La paroladoj de la vegetara pioniro Ernest Bell en la Vegetaraj Somerlernejoj nun aperis en libro ĉe la eldonejo G. Bell & Sons, Londono, prezo 2 ŝil. La angla vegetara revuo The Vegetarian Massenger and Health Review citas el ili jenan diron:

„La vegetarismo ne estas kapricideo. Ĝi estas granda kaj esenca parto de la humaneca religio. Ĝi estas paŝo en pli altan, ĉar malpli egoistan, nivelon de la vivo. Ĝi ebligas progreson, kaj la individua same kiel la socia evoluo nuntempe estas severe malhelpata pro la kutimo de viandmanĝado kaj ĉio, kio dependas de tiu kutimo."

La Brita Nacia Bestprotekta Societo kune kun la Vegetara Societo promesis premion por invento de ledosurogato (por piedvestaĵoj), kiu plenumas jenajn kondiĉojn: 1. deveno el minerala aŭ kreskaĵa materio, 2. ebleco de taŭga ventolado, 3. daŭremeco kaj fleksebleco, 4. malkareco.

La firmo Dawson & Owen, 27 Nelson Street, Hertford, Anglujo, estas konata pro la vegetaraj ŝuoj, gantoj, dokumentujoj ktp., kiuj ĝi liveras. Ĝi korespondas en Esperanto.

La firmo United States Rubber Co., Sekcio „Keds Footwear", 1790 Broadway, Novjorko, Usono, asertas, ke ĝiaj ŝuoj el materio nomita Fabrikoid estas taŭgaj por vintro kaj somero kaj tute senledaj.

---

### Vegetaraj Manĝejoj.

**Vieno,** Aŭstrujo. La gastejo Wulz estas translokigita al la kvartalo XII, Margaretengürtel, Hofbauergasse 3. Fermita dimanĉe.

**Madrido,** Hispanujo. Vegetara manĝejo kaj pensiono de Avelino Pérez Escudero, Calle de Cádiz 9, 2-a etaĝo, dekstre.

**Barcelono,** Hispanujo. Pensiono Vegetara, Ronda Universidad 4, interetaĝo. Telefono 5346 A.

**Breslau,** Germanujo. Ohlauer Stadtgraben 15.

**Charlottenburg** apud Berlino, Germ. Gastejo Horwitz, Niebuhrstr. 10 (laŭ D-ro Bircher).

**Wyk sur Föhr,** Germ. Hejmo de D-ro Küspert.

**Gernrode,** Harz-Montaro, Germ. Kurheim Wilhelmstr. 12.

**Arosa,** Svisujo. M. Sorg, Chalet Märliwald.

**Lokarno-Orselina,** Svisujo. Pensiono „Villa Iiris".

**Kiel,** Germanujo. Otto Teichert, Gastr. 4, I., proksime je la magistrata domo. Tre bona!

**Berlino,** Germ. En la manĝejo de la grandaj kaj famaj magazenoj Wertheim la manĝolisto enhavas vegetaran sekcion. Tio estas tre karakteriza signo pri tio, ke la vegetarismo iom post iom progresas, eĉ en „normalaj" medioj.

**Varsovio,** Polujo. La nova vegetara manĝejo en la ĉefa strato Aleje Jerozolimskie 25, teretaĝo, malfermata de la 9-a ĝis la 22-a horo, estas tre rekomendinda laŭ la propra sperto de la redaktanto. Ĝi apartenas al la Varsovia Societo de Vegetaranoj Soc. kun limigita respondeco (Warszawskie Zrzeszenie Jaroszów Sp. z ogr. odp.).

**Taormina,** Sicilio, Italujo. Refreŝejo „Paradizo", Domo Wegener.

---

### Vegetaraj kaj parencaj eldonaĵoj.

**Nye Veje** (Novaj Vojoj), organo de la progresema, vegetara, kontraŭmilita junularo en Danujo. Eldonanto: Axel Pille, Fiolstraede 34 A, Kopenhago-K. La februara numero raportas pri transnoktejoj por la junularo, pri la interplektiĝo de la kemiaj industrioj, de kiuj dependos la gasmilito, pri la agado de pastroj por malarmiĝo ktp. Danlingva. Jarabono Dkr. 6.—.

**Régénération**, organo de la vegetara kaj porpaca ligo „Trait d'Union", Parizo 13, 73-bis, rue Bobillot, Francujo; jarabono enlande ffr. 15.—, eksterlande ffr. 24.—. La februara numero enhavas bonegan artikolon de nia fervora samideanino kaj franca sekretariino Cécile Royer pri Esperanto.

**Deutscher Tabakgegner**, organo de la germana ligo kontraŭ la fumado, aperas jam en sia deka jaro. Adreso: Dresdeno A. 20, Golberoder Str. 17, Germanujo. Specimenoj senpage.

Sub la sama adreso, redaktanto Richard Bretschneider, aperas la vegetara bulteno „Gesundheitsfreund" (Amiko de l' Sano).

**Völkerversöhnung** (Interpaciĝo de la Popoloj, broŝuro por la junularo eldonita de Johann Ohrtmann, Vollstedt bei Bredstedt (Ŝlesvigo), Germanujo; prezo RM 0.20. Taŭga propagandilo por geknaboj, kun artikolo pri Esperanto. La aŭtoro estas la eldonanto de la duonmonata gazeto:

**Deutsche Zukunft** (Germana Estonteco), la organo de la nordgermanaj grupoj de la pacifista societo kaj de la ligo de militrezistantoj. Eldonejo Paul Riechert, Heide in Holstein.

**Der rote Faden** (La Ruĝa Fadeno), 60-paĝa broŝuro de Max Nagler, eldonejo Carl Flügge, Berlino-Buckow. Pri la ĉefaj kaŭzoj de malsanoj, por vegetarismo.

**Tierschlachtung und Krieg** (Bestbuĉado kaj Milito), 26-paĝa broŝuro enhavanta la paroladon de Magnus Schwantje, la konata batalanto por vegetarismo kaj kontraŭ viviŝekcado, de la 7-a de septembro 1927-a dum la Internacia Demokrata Packongreso. Prezo RM 0.60.

**New Life**, trimonata revueto pri sano kaj naturkuracado, eldonata de la konata angla vegetarano Charles W. Forward; adreso 115, Dartmouth Road, Londono S. E. 23, Anglujo. Jarabono ŝil. 2/6.

**Die Kuhpockenimpfung** (La vakcinado per bovinserumo kontraŭ la variolo), de inĝ. Felix Ortt, germana traduko aperinta ĉe Dr. Madaus & Co., Berlino C. 2.

**Bulteno** (monata) de la Moskva Vegetara Societo „Leono Tolstoj", eldonata de la konsilantaro (sovjeto) de la societo, Moskvo 9, poŝtkesto 327, red. V. V. Ĉertkov, Sovjetunio. Ruslingva; nur por la anoj. Traktas speciale la etikan vegetarismon, tolstojismon, movadon kontraŭ milito k. c. La marta numero enhavas enketon inter la anoj, por starigi korespondadon inter ili. Unu el la demandoj faritaj estas: Ĉu vi posedas Esperanton?

**Le Végétalien**, eldonantino Sophie Zaikowska, 131 rue Saint-Gratien, Ermont (Seine-et-Oise), Francujo, havas en sia januara numero artikolon en Esperanto pri Ludoviko Lazaro Zamenhof laŭ parolado farita en Foyer Végétalien okaze de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof en decembro 1928-a.



### Esperantaj Eldonaĵoj.

**Hirts Taschenwörterbuch** (poŝvortaro) Esperanto-germana kaj inversa, tre zorge eldonita de A. Degen kaj B. Kötz, kun malgranda utila frazaro, ĉe Ferdinand Hirt & Sohn, Lipsio, Salomonstr. 15, Germanujo; prezo RM 1.20 en beleta volumeto. Tre rekomendinda!

**Internacia Societo de Skrib- kaj Libroscienco**, adreso Prof. D-ro Schramm, Lipsio, Südstr. 72, Germanujo. Bulteno en lingvoj germana, angla, franca kaj Esperanta pri skrib- kaj presarto.

**Benson School** of Esperanto, Inc. (Bensona Esperantolernejo), 518 Broad Str., Newark, New Jersey, Usono, eldonis novajn instruilojn kaj reeldonis malnovajn presaĵojn laŭ sia speciala metodo.

**La tragedio de Hungarujo**, flugfolio (naciista) havebla ĉe D-ro Lukács Gyula, Budapeŝto VII, Pillangó-u. 13, III, Hungarujo. Senpaga.

**Velko Angelov**, Sofio, Bul. Vitoŝa 21, Bulgarujo, sendis katalogon pri la libroj aperintaj en lia eldonejo „Jasna Poljana".

**Kuracu Malsanulojn!** Broŝuro eldonita en lingvoj latva kaj germana kun Esperanta resumo, de pastro Edgar Model, Rigo, Stabu iela 20, dz. 13, Latvujo.

**La Progreso**, Prago VII, Socharská 333, Ĉeĥoslov., sub redaktado de Rudolf Hromada denove aperadas regule.

**Espéranto et Commerce**, monata bulteno; sekretariejo 9 Rue d'Armaillé, Parizo 17, Francujo. Mi informiĝis persone pri la entrepreno, kiu eldonadas tiun modestan bultenon, la societo samnoma; ĝi estas gvidata laŭ seriozaj komercaj vidpunktoj kaj de personoj nepre fidindaj, kaj ĝi do meritas la apogon de Esperantistoj ĉiulandaj.

La Esperanto biblioteko, kiu troviĝis dum multaj jaroj en la Centra Esperantista Oficejo, estas nun transportita al la biblioteko de la Pariza Komerca Ĉambro, 27 Avenue Friedland, Parizo 8, kaj povas tie esti uzata de ĉiuj esperantistoj.

**La Valeur Pédagogique de l' Espéranto**, parolado de Prof. Julien Guadet. Pri la morala kaj intelekta eduka valoro. Eldonita de la Grupo Esperantista de Parizo.

**Internacia Medicina Revuo**, sub la redaktado de D-ro Kempeneers, 20 rue aux Laines, Bruselo, Belgujo, aperas en tre seriozaspekta kaj bonenhava formo, kiel unu el la plej bonaj Esperantaj fakaj revuoj. Dumonata. Jarabono 1 usona dolaro aŭ egalvaloro. Kompreneble la enhavo de la artikoloj estas tute malsama ol la vidpunktoj, laŭ kiuj vegetaranoj rigardas la problemojn de homa sano kaj kuracado.

**Berichte zur Kultur- und Zeitgeschichte** (Raportoj pri la Kultur- kaj Nuntempa Historio) eldonataj germanlingve de Nikolaus Hovorka ĉe la eldonejo Reinhold-Verlag, Vieno IX, 4, Löblichgasse 3, Aŭstrujo. Kun Esperantaj artikoloj. Katolika tendenco. Ĉiuflankaj informoj.

**Bulteno de la Esperantista Lingva Komitato** kaj ĝia Akademio. Tre interesa broŝurforme sendita cirkulero de Prof. Cart kaj liaj kunlaborantoj. Estas dezirinde, ke la lingvaj aŭtoritatoj havu la financan eblecon, eldoni regule tiajn bultenojn.

**Paris-Esperanto**, monata organo de la Grupo Esperantista Pariza. Red. René Dubois, 58 rue de la Tombe-Issoire, Parizo 14; abonpagoj (ffr. 10 jare) al f-ino Cécile Royer, 14 rue des Carmes, Parizo 5. En Parizo oni fondis novan Esperantofirmon: La Maison de l' Espér-

anto, 5 Boulevard Pasteur, Parizo XV. La nomoj de la fondintoj montras, ke la entrepreno estas serioza.

**La Rozumata Kruco,** organo de la Ligo Supernacia de Rozkrucanoj, red. Theod. Wilhelm Teich, Wilhelmstr. 43, Rheydt, Germanujo, eldonis sian 6-an numeron kiel vegetaran kajeron.

**Arbeiter-Esperantist,** organo de la Laborista Esperanto-Asocio por la Germanlingvaj Regionoj, red. Konrad Deubler, Munĥeno 13, Arcisstr. 48, estas rekomendinda pro la bonegaj lingvaj instruoj, kiujn ĝi donas. La marta numero enhavas foto-fakesprimojn en Esperanta, germana kaj franca lingvoj.

**Militrezistantoj en Multaj Landoj,** prezo 6 p., broŝuro eldonita de La Internacio de Militkontraŭuloj, 11 Abbey Road, Enfield, Middlesex, Anglujo. Plue aperas regule la bulteno „La Militrezistanto" en Esperanto kaj tri aliaj lingvoj; sama adreso.

**Junulara Ligo de Nagasaki,** organo de gejunuloj. Adreso: Toŝio-Hata, 149 Yamazato-maĉi, Nagasaki, Japanujo. Esperanta kaj japanlingva, monata.

**Gromada,** Okcidenta Blankrusio kaj Blankrusa Kamparan-Laborista Unio „Gromada"; esperantigis Dimitr Semenoviĉ Snejko, poŝtkesto 33, urbo Minsk, Sovjetunio.

**La Juna Batalanto,** organo de la internacia katolika junulara kaj paca movado, eldonata de Mondjunularo Katolika. Redaktanto Wilhelm Solzbacher, Kolonjo, Dagobertstr. 28, Germanujo. Eldonejo ĉe August Günther, Werl en Vestfalio, Hellweg 34, Germanujo.

---

### Petoj, Informetoj, Respondoj, Deziroj.

**Ne estas eble** al la redaktanto, doni individuan respondon al ĉiu letero aŭ poŝtkarto ricevita. Vojaĝoj de pluraj semajnoj ankaŭ tiun ĉi fojon malhelpis lin, publikigi la numeron tute ĝustatempe.

**Elĉerpita** estas la unua numero de tiu ĉi, la 12-a, jarkolekto. De la 11-a jarkolekto kelkaj numeroj por propagando estas ankoraŭ haveblaj. La poŝtkartoj kaj flugfolioj el antaŭmilitaj jaroj n e estas plu haveblaj.

**Ne sendu** al la redaktanto objektojn, kiuj havas valoron nur por kolektantoj; li kolektas nenion, eĉ ne bildflankе afrankitajn poŝtkartojn!

**Represo** el nia bulteno estas permesata, eĉ dezirata, kondiĉe ke nia bulteno estu indikata kiel fonto.

**J. I. en D.** Vi petas la redaktanton, enpresi jenan anonceton, kvankam vi ne estas abonanto de la bulteno kaj kvankam vi diras, ke vi estas silkteksisto momente senlabora: „Tre bela Vegetarano deziras korespondi kun sama fraŭlino. Leterojn kun portreto sendu sub Amo hauptpostlagernd Düsseldorf (Germanujo)." Mi represas tion ĉi, ne por plenumi vian peton, sed por montri al la legantoj, kiajn petojn redaktantoj ricevas.

**Esperanto-Vegetara Societo,** adreso Hilda Langelaan, Londono N. 8, Anglujo, 60 Inderwick Road. Por kelkaj anglaj abonantoj ni aldonas al tiu ĉi numero regularon de tiu ĉi Londona Societo; interesuloj turniĝu al la indikita adreso. Dum la kongreso en Ĉeĥoslovakujo delegito de la Esperanta Vegetara Ligo estos gastigata senpage. Kiu deziras reprezenti tiun societon, turniĝu al samideanino Langelaan. Oni petas donacojn por la veturkosto.

**Samideano Piotr Siewruk** rekomendas ruslingvan libron de A. Suvorin „Ozdorovlenije piŝĉeju"(Resaniĝo per nutrado), kiu batalas por vegetarismo, kaj diras, ke la sama aŭtoro baldaŭ publikigos libron „Ozdorovlenije golodom" (Resaniĝo per malsato).

**Samideano Abram Gelfand,** Grajewo, Polujo, per longe klariga letero petis la scienculon Einstein, iniciati sub sia konata nomo la fondon de pacifista universitato en Jeruzalemo. La respondo estis nea; ĉar Prof. E. kredas, ke por tiu celo politika laboro estas pli necesa ol scienca laboro.

**Centra Esperanto-Librejo en Hago,** Nederlando, sciigas, ke la dividendo por ĝiaj akciuloj por 1928 estas fiksita je 6,5% kaj ke ŝanĝo de la regularo konforme al nova ŝtatleĝo estas aprobita de la akciuloj. S-ro J. L. Bruijn estas reeliktita kiel komisaro.

**Leteroj de Negro** al sia Reĝo, de Hans Paasche, aperis nun ankaŭ en dana lingvo. Nia amiko Agro tradukis unu leteron Esperanten, kaj ni ĝin publikigos en la sekvonta numero.



**Vincento Weixlgärtner,**
pioniro
de la vegetara kaj homama movado
en Hungarujo (vidu Veg. XII,1 p. 4).

---

### La substantivo

aperas en sia n u d a formo, kiun oni nomas ankaŭ la nominativo, nur kiel subjekto de frazo aŭ tie, kie per la egaliga verbo esti ĝi estas egaligata al la subjekto, ekzemple:

La patro (subjekto) estas tajloro (predikato). Oni povas diri ankaŭ: Tajloro estas la patro; la senco restas ĉiam sama.

Kelkaj verboj enhavas en si la verbon esti aŭ la sencon „ke estu"; ankaŭ post ili la substantivo staras en sia nuda formo, ekzemple:

La sinjoro ŝajnas (esti) amiko.
La parlamento elektis lin (ke li estu) prezidanto.
La katastrofo faris lin (ke li estu) malriĉulo.

En ĉiuj aliaj okazoj (do: kiam la substantivo ne estas subjekto aŭ egaligita al la subjekto) **prepozicio aŭ la finiĝo -n** devas montri la rolon, kiun ludas la substantivo en la frazo. La substantivo ne povas stari nuda. Ekzemploj:

La patro parolas **kun** la tajloro.

# Internacia Vegetara Unio. / The International Vegetarian Union. Union Internationale Végétarienne. / Internat. Vegetarische Union.

Sekr.: Oluf Egerod, Rödkildevej 40, Brönshöj, Kopenhago, Danujo.

## Dekkvina Bulteno.

La sekretario de la **Sepa Internacia Vegetara Kongreso**, sinjoro Hans Feix, Warnsdorf VI/1810, Ĉeĥoslovakujo, dissendis al ĉiuj societoj kaj multaj interesuloj informojn pri la kongreso, pri la mirinda situo de la kongresa urbeto Steinschönau (ĉeĥe Kam. Šenov) kaj pri la kongresprogramo.

La vivkostoj en Bohemujo estas malaltaj. La kongresurbo estas facile atingebla fervoje: Venante per la granda fervojlinio Berlino—Prago—Vieno, oni ŝanĝas vagonaron en la stacioj Tetschen (Dêĉin) aŭ Bodenbach (Podmokly) kaj atingas per nur unuhora veturado preter Kamnitz (Ĉeská Kamenice) la finstacion Steinschönau.

Tre rekomendinde estas, pasigi longajn libertempojn (feriojn) en la vegetara refreŝejo de Steinschönau. La kostoj estas malaltaj, kaj la belega ĉirkaŭaĵo kontentigos dorlotitajn vojaĝemulojn.

Antaŭ la kongreso mem okazos, kiel ĉiujare, sur la Monto Lausche publika solenaĵo de vegetaranoj el Saksujo kaj la Sudetaj Landoj, kaj oni ĝojos, se multaj kongresanoj partoprenos tiun aranĝon.

La **kongreso** mem estos malfermata lundon, la 8-an de julio, je la deka horo matene, en la Urba Teatro per solena saluto kaj prezentiĝo de la delegitoj el ĉiuj landoj:

Ĉiuj delegitoj bonvolu je tiu okazo mallonge alparoli la ĉeestantojn, donante informojn pri la progresoj en siaj landoj aŭ sur siaj agadkampoj. La alparoloj ne estu pli longaj ol dekminutaj.

Oni petas la delegitojn, ke ili t u j sendu al la sekretario de la kongreso manuskripton de sia parolado, por ke ĝi estu tradukata kaj prezentata al la kongresanoj kaj al la gazetaro. Speciale interesas detaloj pri la nombro de vegetaraj societoj, de vegetaraj manĝejoj, publikaj, vegetare administrataj sanatorioj aŭ similaj institutoj, vegetaraj revuoj ktp.

Dum la unua kongrestago je la 20-a horo okazos festeno en la hotelo „Merkantile". La dua kongrestago estas dediĉita al la grandaj konferencoj. Parolos:

Universitata Prof. D-ro Ruziĉka de la Komensky-Universitato en Bratislavo pri „Vegetarismo kaj Eŭbiotiko". Ragnar Berg, fiziologo kaj nutraĵkemiisto el Dresdeno pri „La biologia signifo de la Vegetarismo". D-ro Walter Walsh el Londono-Manchester pri „Vegetarismo kaj tutmonda Frateco". Univ. Prof. D-ro Johannes Ude el Graz, Aŭstrujo, pri „Vegetarismo kaj nacia Ekonomio".

Mardon vespere la kant- kaj orkestraj unuiĝoj de Steinschönau kaj ĉirkaŭaĵo donos en la Urba Teatro koncerton kun jena programo:

1. Richard Wagner, El la Krepusko de l' Dioj.
2. Edvard Grieg, Fortepiankoncerto op. 16, a-mol, kun orkestro, solisto Walter Schütz.
3. P. Ĉajkovskij, muzikaĵo Nuksrompulo.
4. Th. Gounod, Funebra marŝo de marionetoj.
5. (Post paŭzo) P. Mascagni, Kampara Kavalireco (Miksita ĥoro kaj orkestra unuiĝo).

## Fifteenth Bulletin.

The Secretary of the **Seventh International Vegetarian Congress**, Mr. Hans Feix, Warnsdorf VI/1810, Northern Bohemia, Czecho-Slovakia, sent to all societies and to many sympathizers informations about the congress, about the beautiful situation of the congress city Steinschönau (Kam. Šenov) and about the programme of the congress.

Living is not expensive in Bohemia (Czecho-Slovakia). Steinschönau is easily accessible by railway: When you come on the main line Berlin—Prague—Vienna, you change at the frontier stations Tetschen (Dêĉin) or Bodenbach (Podmokly) and get in one hour's ride viâ Böhmisch-Kamnitz (Ĉeská Kamenice) to the terminal station Steinschönau.

It is very recommendable to pass long holidays at the vegetarian recreation residence of Steinschönau. The expenses are low, and the wonderful surroundings will satisfy even the most experienced tourist.

Before the congress, on Sunday July 7th, as every year, a meeting will take place on the Mount Lausche, of vegetarians of Saxony and the Sudetic countries, where vegetarians from all countries will be welcome.

The congress itself will be opened on Monday, July 8th, at 10 o'clock a. m., in the Town Theatre. Welcome speeches will be held and reports made by all foreign delegates. All delegates are requested to give a short report (no longer than 10 minutes) about the progress made in their countries or on the field of their activity and to send a copy of their paper immediately to the secretary, Mr. Feix, as it must be translated and printed in order to be presented to the congressists and to the press. Especially interesting are indications about the number of vegetarian groups, vegetarian boarding houses, restaurants, health resorts, reviews &c.

At 20 o'clock banquet at the hotel „Merkantile", Steinschönau.

The second congress day, Tuesday July 9th, will be dedicated to the conferences, viz:

Prof. Dr. Ruziĉka, Pressburg (Bratislava): „Vegetarianism and Eubiotics". Ragnar Berg, Dresden: „The biological significance of Vegetarianism". Dr. Walter Walsh, London-Manchester: „Vegetarianism and Universal Brotherhood". Prof. Dr. Ude, Graz: „Vegetarianism and political Economy".

At 17 o'clock, the local industry will be visited, and at 20 o'clock a concert will be given at the Town Theatre with the following programme:

1. Richard Wagner: From „Twilight of the Gods".
2. Edvard Grieg: Orchestral piano concert op. 16, a flat. Soloist Walter Schütz.
3. P. Tschaikowsky: Nußknacker-Suite.
4. Th. Gounod: Funeral March of Marionettes.
5. P. Mascagni: Cavalleria rusticana.

Wednes, July 10th: pronunciation, discussion, resolutions. At 13 o'clock motor drive to the surroundings of

Merkredon, la 10. VII. okazos matene priparoloj de la antaŭaj konferencoj, findiskutoj kaj rezolucioj.

Posttagmeze: Vizito al la industrio kaj aŭtomobila ekskurso al la ĉirkaŭaĵo de la urbo Steinschönau.

Je la 20-a horo: **Esperantovespero** en Steinschönau kun parolado de Prof. D-ro Batjek el Prago pri „Vegetarismo kaj la ĉiutaga vivo".

La jaŭdo, 11. VII., donu al la eksterlandaj vizitantoj, per komuna ekskurso al la valo de la Elbo la okazon, ekkoni la belegajn pejzaĝojn de tiu parto de Bohemujo. Tiam el Bodenbach (Podmokly) oni povos atingi per 2½-hora veturado la ĉefurbon Prago aŭ la mondkonatajn banurbojn Karlsbad (Karlovy Vary), Marienbad (Marianské Lázně) aŭ Franzensbad (Františkovy L.). En Franzensbad staras monumento pri Zamenhof — Esperanto.

---

**Venu multnombraj al la Vegetara Kongreso!**

**Ĉiu societo sendu delegitojn al la Vegetara Kongreso. La kongresa estraro gastigos senpage du delegitojn de ĉiu societo, kiu estas ano de la Internacia Vegetara Unio kaj pagis sian kotizon al ĝi.**

**La Kongreso devas fariĝi impona manifestado pri Vegetarismo al la tuta mondo!**

Kotizojn oni pagu ĝustatempe al la kasisto de la Internacia Vegetara Unio, Prof. D-ro Hugo Nolthenius, Tafelbergweg 4, Laren NH, Nederlando. La ĉiujara kotizo de ĉiu societo estas 1% el la ricevitaj membrokotizoj.

Per ekspozicio de vegetaraj libroj, broŝuroj, revuoj, reformartikloj, nutraĵoj la kongreso altiros la atenton de la gazetaro kaj de la nevegetara publiko. Jam oni ne plu mokas vegetaranojn, kaj iom post iom venos la tempo, kiam vegetarismo estos faktoro en ĉiu laboro ĉu praktika, ĉu teoria, kiu tuŝos ekonomiajn kaj kulturajn demandojn.

La tuta kongreso estu forta kaj efika vivu-krio por la vegetarismo!

Steinschönau and Haida. At 20 o'clock: Esperanto evening, with Dr. Hiekel from Leitmeritz in the chair and conference (in Esperanto) of Dr. Batyek on „Vegetarianism and every-day life".

On Thursday, July 11th, the congressists will make an excursion to the valley of the River Elbe. They can, then, direct from Bodenbach (Podmokly) in 2½ hours' railway ride reach the Czechoslovakian capital Prague or the famous health resorts Karlsbad, Marienbad or Franzensbad.

---

**Join the Vegetarian Congress!**

**Every Society should send delegates to the Vegetarian Congress. The Board of Congress will board free of Charge two Delegates of every Society which is a member of the International Vegetarian Union and has paid the Annual Contributions.**

**We want the Congress to become an impressive Manifestation for Vegetarianism! You will help us by participating.**

Contributions should be paid in due time to the hon. Treasurer of the I. V. U., Prof. Hugo Nolthenius, Tafelbergweg 4, Laren NH, Netherlands. The annual contribution of every society is 1% of the contributions paid by its members.

As to the financial year to be reckoned with, for instance 1928, the year 1928 here means the financial year of which 1928 is the main part, e. g. 1. 4. 28—31. 3. 29, or 1. 8. 27—31. 7. 28. A financial year running from 1. 7. 28 to 30. 6. 29 will be considered as 1928. —

An exhibition of vegetarian books, leaflets, reviews, articles, foodstuffs &c will arouse the attention of the press and the non-vegetarian public. The time has already passed when vegetarianism was only derided, and the time is not far when it will be considered as an important factor in every practical or theoretical work on economic matters and moral institutions.

Please address all communications, questions &c about the congress to Mr. Hans Feix, Warnsdorf VI/1810, North-Bohemia, Czecho-Slovakia.

**Financa Raporto de la Internacia Vegetara Unio.**

| | | | Nederl. Guldenoj |
|---|---|---|---|
| Saldo laŭ bilanco de la 31. 12. 1927 laŭ „Vegetarano" XI/1, jan. 1928 . . . . . . | | | 359.73½ |
| Ricevitaj pagoj ĝis 31. 12. 1928: | | | |
| 1. 1. Finlando | fmk. 25.— | 1.55 | |
| 1. 1. Ĉeĥoslovakujo | | 20.— | |
| 23. 2. Veget. Ligo Esperant. | RM 4.64 | 2.75 | |
| 24. 2. Londona Veget. Soc. | f. st. 5.5/- | 63.03 | |
| 6. 4. Sveda veg. Societo | dkr. 9.02 | 5.84 | |
| 6. 4. Svisujo (König, Zur.) | sfr. 1.10 | 0.52 | |
| 15. 4. Veg. Societo Manchester | Lst. 11.17/6 | 143.09 | |
| 16. 5. Litova veg. Soc. | Lid. 10.— | 2.50 | |
| 29. 8. Dana Veg. Societo | Dkr. 18.— | 12.— | |
| 14. 12. Esperanto-Veg. Soc. | Lst. 0.7/6 | 4.50 | |
| 15. 12. Germana Veg. Asocio | RM 200.— | 118.66 | |
| 18. 12. Unuiĝo de germ. veg. | RM 140.—* | 84.— | |
| 18. 12. Germ. Veg. Asocio | RM 120.—* | 72.— | |
| 20. 12. Nederl. Veg. Unio | | 36.19 | |
| 20. 12. Hungarujo | Pengoj 5.— | 2.— | |
| Sumo de la kotizoj ricevitaj . . . . . . | | | 568.63 |
| Sumo de kapitalo plus kotizoj . . . . . | | | 928.36½ |

* prenitaj el la Fondaĵo Saxon.

| | | Nederl. Guldenoj | |
|---|---|---|---|
| | | Transporto | 928.36½ |
| Pagoj al la sekretario de I. V. U.: | | | |
| 6. 4. En danaj kronoj | 5.84 | | |
| 6. 4. en svisaj frankoj | 0.52 | | |
| 29. 8. en danaj kronoj | 15.12 | | |
| | | 21.48 | |
| Pagoj al la VLE kiel parto por la publikigaj spezoj: | | | |
| 25. 2. RM 13.14 | 8.03 | | |
| 30. 5. RM 14.15 | 8.42 | | |
| 20. 8. RM 17.60 | 10.51 | | |
| 12. 12. RM 46.45 | 27.50 | | |
| | | 54.46 | |
| Kunveno en Kolonjo por la preparo de la Internacia Kongreso: | | | |
| 25. 9. Reprez. de la Prezid. | 60.— | | |
| Sekretario | 124.— | | |
| Kasisto | 52.— | | |
| | | 236.00 | |
| Elspezoj de la kasisto por bagateloj . | | 9.67½ | |
| Sumo de la elspezoj . . . . . | | 321.61½ | |
| Rento je la saldo, fl. 606.75 je 2½ % | | | 15.16 |
| Saldo de IVU transprenita en novan jaron | | 621.91 | |
| Sumo de Ŝuldo kaj Havo . . . | | 943.52½ | 943.52½ |

| | | Nederl. Guldenoj |
|---|---|---|
| 1. 1. 1929. Saldo transprenita en la novan jaron (kapitalo) . . . . . . . . . | | 621.91 |
| **Fondaĵo „Saxon“:** | | |
| Saldo laŭ bilanco 31. 12. 1927 | 155.03½ | |
| 21. 1. ricevita de s-ro Saxon pere de sekretario Egerod skr. 100.— | 65.78 | |
| | 220.81½ | |
| 6. 1. al s-ro Schröter RM 30.— 17.85 | | |
| 18. 12. al Unuiĝo de Germana Veg. Soc. RM 140.— 84.— | | |
| 18. 12. al Germ. Vegetara Asocio RM 120.— 72.— | | |
| | 173.85 | |
| | 46.96½ | |

| | | Nederl. Guldenoj |
|---|---|---|
| Transporto | 46.96½ | 621.91 |
| plus rento je 2½ % | 1.20½ | |
| Suma kapitalo de la fondaĵo „Saxon“ . . . | | 48.17 |
| Entuta sumo IVU kaj fondaĵo Saxon, en nederlandaj guldenoj . . . . . . . . | | 670.08 |
| Krome troviĝas en la kaso de la ĝenerala sekretario la sumeto de . . . . . . | nfl. | 4.22 |

Laren (N. H.), la 31-an de decembro 1928.

**Hugo Nolthenius**, kasisto.

(Daŭrigo de paĝo 17.)

La kuko kostas dek groŝojn.
Ni foriris spite **je** la pluvo.
Rilate **je** tiu opinio vi estas malprava.

Notu bone, ke la vortoj „spite“ kaj „rilate“ (same kiel koncerne, escepte, laŭlonge) n e estas prepozicioj, sed adverboj. Oni do devas ligi ilin al la substantivo per prepozicio; ĉu oni tie uzas la prepozicion je aŭ al aŭ de, tio dependas de persona sento kaj de kutimo.

Vortoj kiel „kaj“, „ol“ n e estas prepozicioj, sed nur konjunkcioj (vortligiloj); oni do post ili devas uzi prepozicion aŭ akuzativan formon, ekzemple:

Ŝi amas la patron kaj la patrinon.
Vi devas elekti pomon aŭ piron.
Mi riproĉas la knabon pli ol la knabinon.

Tre ofte simpla akuzativa formo (kun -n) montras la rolon, kiun ludas la substantivo, kiu ne estas subjekto:

Mi atendis unu horon.
Ili iris brakon sub brako.
Li promenas la ĉapelon en la mano (pli bone: kun la ĉapelo en la mano).
Paŝon post paŝo ni atingos la celon.

Kiam oni pripensas bone tiun simplan mekanismon de la lingvo, oni plene komprenas, ke nia lingvo tute ne povus ekzisti sen la akuzativa formo.

Kiam el du substantivoj oni formas unu ideon, kiel ekzemple el botelo kaj akvo: akvobotelo, oni devas skribi la novan ideon per **unu sola vorto** aŭ interligi la du partojn **per streketo,** se la vorto pro troa longeco fariĝus neklara. Estas do necese, skribi Esperanto-Asocio **kun** interliga streketo. Sen streketo la esprimo ne havus sencon; ĉar du substantivoj starus kune sen prepozicio, kiu klarigas la rilaton inter ili. Do, oni povas skribi Esperantokurso aŭ Esperanto-Kurso aŭ Kurso de Esperanto.

Tiu lingva klarigo ŝajnas al mi necesa pro multaj eraroj, kiujn mi tiurilate trovas en manuskriptoj kaj en Esperantaj gazetoj.

Oscar Bünemann, ano de la L. K.

---

**Kvitancoj.**

Post la kvitancoj en nia bulteno XII/1 la kasisto ricevis jenajn pagojn aŭ informojn pri jenaj pagoj al la landaj sekretarioj (nomoj sen titoloj pro ekonomio):

Szapiro dol. 0.90, Kusnir dol. 1.20, Siewruk zl. 5.—, Kibat, Schön, Denker, Santamarina, Funken, Großmann, Helfers, ĉiu RM 3.—, Gottgetreu RM 5.—, Mai kĉ. 25.—, Schmidt RM 1.50, Rosenberg skr. 3.—, Etzold RM 4.—, Royer, Wickham, Suard, Gicquel, Philippet, ĉiu ffr. 20.—, Gaillard ffr. 25.—, von Rees sfr. 3.—, Hefti, Hiltl, Enz, Kläsi kune sfr. 42.—, Fink RM 3.49, anoj en Sovjetunio kune rub. 16.50, Grots, Indra, Kruminŝ, kune RM 10.—. Gelfand RM 10.—, Garcia, Corral, Kalvo, Heß, kune pesoj 10.—, Tanajinis sfr. 4.—, Roth RM 3.—, Bartholomew 10 ŝil., Herrick ŝil. 3/—, Pomona nfl. 5.—, Ge-Isbrücker nfl. 4.—, Arriens, de Haas, Boeken, Nolthenius, van Borrendam, Kool, ĉiu nfl. 2.—, Roos nfl. 2.50, Rambousek kĉ. 100.—, Mai kĉ. 25.—.

Dankon al ĉiuj repagintoj. La kotizpago estas necesa helpo por la daŭrigo de nia laboro. Mi ripetas, ke neniu laboro por la „Vegetarano“ aŭ la „Vegetara Ligo Esperantista“ estas pagata; pro tio la tuta sumo de kotizoj kaj donacoj servas por la efektivaj spezoj de nia propagando kaj permesas al ni, dissendi la bultenon al vastaj rondoj, kie ĝi atestas unuflanke pri la vivo de Esperanto, duaflanke pri la vivo de Vegetarismo.

Oscar Bünemann, kasisto.

---

Se oni pensas pri la Rockefeller-fondaĵo, pri la mono donita por progresigi la kanceresploron kaj pri la alia mono, kiu dum la lasta kvarona jarcento fluis en la kloakon de la vivisekcado, kaj komparas la mizeregajn rezultojn kun la multaj surprizaj eltrovoj faritaj dum la sama periodo de konantoj de l' naturo, kies intelekta laboro staras alte super ĉiu suspekto, tiam ĉiu, kiu havas ankoraŭ sanan homan racion, devas konfesi, ke nur stultuloj ankoraŭ praktikas vivisekcadon kaj ambicias brili per ĝi. George Bernard Shaw.

---

La vera, malfalsa sinamo estas la amo, kiu, sin donante, enfluas en la koron de aliulo, ĉar vera amo estas fakte sindono. Emil Mai.

---

La mizero de la homoj daŭros ĝis kiam ankoraŭ la doloreĝo de la bestoj krias al la ĉielo. Tio estas la kompenso farata de la sorto en la nomo de la suferantaj kreitaĵoj.

Nur tiam, kiam ni estos kapablaj, rigardi sen plej profunda hontosento kaj kun pura animo en la purajn okulojn de besto, nur tiam ni rajtos imagi, ke ni staras super ili.

Felix Salten, konata germana aŭtoro.

---

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Germanujo.